

# LA VERDA LUPEO – FENĪKSO




N-ro 43 | 1978/4 Decembro | 9-a jaro


## Kluba informilo de ELF–AREK

### ELF: Esperanto Ligo Filatelista

### AREK: Amika Rondo de Esperantaĵ – Kolektantoj














10-a JUBILEA
ČEFKUNVENO
DE IPTEA



VARNA · BULGARIO
4.VIII.1978







Varna
Esperanto-Kongreso
Poŝte restanta
Dro Rosctel Prodanescu

Dro Giso Brosche
Varna, Esperanto-Kongreso
(DDR 793 Rückersdorf)

# Al ĉiuj klubaj geamikoj ni deziras
**Feliĉan Novan Jaron**

## Karaj klubaj geamikoj,

antaŭ dek jaroj, la 1an de oktobro 1968, fondiĝis la Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj kaj endas iomete memorigi tiun jubileon. Antaŭ tri jaroj AREK unuiĝis kun la Esperanto Ligo Filatelista kaj tio sendube por ambaŭ kluboj estis tre utila. Nia informilo aperadas bone redaktita en modesta vesto kaj ĝi peras al ĉiuj niaj geamikoj valorajn informojn. Ni sukcesis aperigi novan poŝtstampan katalogon kaj nia stamposervo daŭre funkcias.

Ni esperas, povi ankaŭ estonte bone servi al niaj klubanoj kaj povi realigi niajn planojn por la centjara jubileo de Esperanto.

*Ivar Paulsson*

## E-filatela katalogo CENT JAROJ DE ESPERANTO

Mi revenas al preparota (nun: intencata) katalogo pri ĉiuj E-filatelaĵoj. Ni certe ne havos grandajn problemojn koncerne E-materialon – poŝtmarkoj, stampoj, tutaĵoj, ĉar ekzisto de tiu materialo estas konata kaj ni jam havas aŭ havos koncernajn katalogojn. La plej granda problemo estos ellabori necesajn nomarojn (organizoj, personoj ktp.) kaj ĉefe prizorgo de katalogoj. Mi alvokas ĉiujn membrojn, ĉiu sciigu al la redaktoro, ĉu vi povas

a) elserĉi numerojn de necesaj poŝtmarkoj en mondaj katalogoj Zumstein, Yvert, Michel, Scott kaj eble ankaŭ aliaj,
b) prizorgi kaj por mallonga tempo prunti katalogon de porokazaj stampoj (de ĉiuj landoj), aŭ ĉu vi mem povas en tiu katalogo elserĉi eventualajn stampojn laŭ ellaborita nomaro. Temas pri nacilingvaj katalogoj kun neesperantaj stampoj, inter kiuj tamen povas ekzisti pluraj envicigeblaj en niajn kolektojn,
c) la samo kiel sub b) koncernas ankaŭ katalogojn pri afrankostampoj kaj R-etikedoj kun porokazaj tekstoj,
d) en pluraj landoj similaj katalogoj ne ekzistas. Ĉu vi do kapablas prizorgi malnovajn numerojn de vialanda filatela revuo kaj en ĝi serĉi koncernajn informojn?
e) simile necesas havigi katalogojn de tutaĵoj – sed temas pri nacilingvaj, sufiĉe specialigitaj katalogoj, en kiuj oni priskribas kaj montras ne nur presitajn poŝtmarkojn (tiujn katalogojn mi posedas kaj povas do helpi), sed en kiuj oni mancias ankaŭ bildojn de tutaĵoj.

En pluraj landoj ni ne havas membron, do ni ne limigu nian helpon al la propra lando: ĉiu helpu laŭ siaj fortoj! Prizorgo de katalogoj, kontrolo de informoj kaj elskribado de bezonataj notoj certe daŭros jarojn – ni do komencu tuj serĉi kaj informi nian redaktoron!

*Vladimir Vana*

## Nova jaro – nova kotizo!

Bonvolu renovigi vian membrecon en nia klubo kaj sendu al nia gvidanto Ivar Paulsson vian kotizon por 1979: entute 15 IR Kuponojn. Aú 25 svedajn kronojn. En esceptaj kazoj s-ro Paulsson akceptas kompletajn kaj neuzitajn pm-seriojn pri faúno kaj flaúro (nominalo – 20%).

Al tiuj, kiuj ne egaligis la kotizon por 1978, bedaúrinde ne plu eblas ekspedi nian informilon.

Ankaú ne plu eblas, al ĉiu aparte konfirmi ricevon de la kotizo pro la altegaj poŝtaj tarifoj. Ni konfirmos tion sur la paĝoj de nia informilo!

**Por 1979 pagis kotizon:** (15.10.78)
Baniulaitis, Bartoŝik, Biesiada, Burmeister, Hasala, Heimlich, Koĉvara, Paulsson, dro Prodanescu, s-ino Strönne, Vana, Bechtoldt.

**Novaj membroj (1978):**
Vaclav Kroa, Bukova 18, CS-34042 Dlazov
Vlastimil Koĉvara, Ant. Sovy 10, CS-74705 Opava

---

## E-filatela simpozio en la PRAGA 78

Ni partoprenintoj de la E-filatela kunveno elkore dankas al la filino de Bartoŝik, al Dolfa Bartoŝik, al V. Hasala kaj V. Vana, kiuj sub malfacilaj kondiĉoj organizis nian kunvenon! Ni estis pli ol 20 partoprenintoj kaj havis eblecon reciproke konatiĝi, interŝanĝi opiniojn pri la plua laboro kaj kunlaboro, aúskulti fake altnivelan prelegon de V. Vana.

Inter alie ĉeesti Paulsson, Heimlich, Goslinga, Vana, Hasala, Bartoŝik, Koĉvara.

La Tutmonda Ekspozicio de Poŝtmarkoj estis certe grandioza travivaĵo kaj ekscelente aranĝita.

En la konkura klaso de tiu plej altranga ekspozicio ni povis renkonti ankaú tri filatelajn ekspozaĵojn el la kolektoj de Vana, Bartoŝik kaj Mager, kiuj koncernis Esperanton. Okulfrapaj estis la kvalitaj diferencoj inter la ekspozaĵoj de Mager kaj Vana/Bartoŝik. La ekspozaĵo de Mager estis sur tre malalta nivelo kaj mi persone tre miras, kiel ĝi sukcesis trovi lokon en tiu ekspozicio. Des pli, ĉar oni lastminute rifuzis la ekspozaĵon de Hasala, kvankam jam anoncita en la ekspozicia katalogo, kaj kiu vere posedas tre bonan nivelon.

Do, al la Mager-ekspozaĵo mi eble donus ateston pri partopreno. La aliaj du certe ricevis tre altajn medalojn. Mi nun ne havas la rezultojn, kaj sekve ne povas ĉi-loke informi vin.

Post 10 jaroj mi nun ankaú revidis la ekspozaĵon de Bartoŝik kaj ĝoje povis konstati, ke nia amiko plene relaboris kaj "modernigis" ĝin. Ni ĉiuj (ankaú mi) povas lerni el la ekspozaĵoj de Vana kaj Bartoŝik!

En la literatura klaso de la espozicio ankaú troviĝis 2 kontribuaĵoj pri E: de Vana "manlibro pri konstruado de E-filatela ekspozaĵo" en ĉeha lingvo kaj "Zpravodej-Informilo" de la ĉehaj E-filatelistoj.

Kvankam anoncitaj, ne aperis E-filatelaĵoj.

**Vanačka Banja – Jugoslavio**

En la filatela ekspozaĵo de s-ro Mager el GFR, montrita en la PRAGA 78, troviĝis i.a. ĝis nun ne konata, ŝajne poŝta, stampo. Sur memoriga koverto ĝi nuligis poŝtmarkon, kaj estis uzita pro 40-jara jubileo de Fervojista E-movado en Jugoslavio – 1925–1965. La dato de la uzado ne estis legebla. Kiu scias pli pri ĝi?

**Prilep**

La siatempa kongresa sekretario, s-ano Risto Stojanoski, nun skribis: "La ronda stampo PRILEP-97500/20. KONGRESO DE JUGOSLAVIAJ ESPERANTISTOJ estis uzata en la kongreseja giĉeto "poŝto" nur unu tagon (29.7.1976) kaj nur en verda inko. Do, ĝi estas poŝta memoriga stampo.

Ekzistas alia stampo, kiu en la mezo havas PRILEP, sube mankas la poŝtkoda cifero. Temas pri stampo de LKK, nepoŝta". Ni dankas al s-ano Stojanoski.





## Aústra 20-groŝa poŝtkarto kaj Popov-pm

Responde al la demandoj de mia longjara amikino Anna-Greta Strönne en la 42a numero de nia revuo, mi povas sciigi la jenon:

Aústra poŝtkarto kun enpresita 20-groŝa E-poŝtmarko apartenas al oficialaj tutaĵoj, speco "poŝtkartoj preparitaj laú privata mendo". Iniciatis ĝin privatulo kaj ŝajne ankaú aĉetis la tutan stokon (2500 ekz.), sed tio neniel malaltigas ĝian valoron, ĉar ĝi estis allasita al normala poŝta uzo (tamen: uzitan poŝtkarton mi ankoraú ne vidis). Ĝi estas do oficiala kaj vere rara, fakte preskaú netrovebla.

*Popov-pm 20 kopekoj:* temas pri provpresaĵo de konata Popov-pm 7 kopekoj. Provpresoj aperis kun valoro 7 kop. kaj 20 kop en diversaj koloroj, konataj estas:

7 kop. – karmina, ultramara, nigreblua, brunoranĝa
20 kop. – bruna, sepia

Provpresoj ne estas normalaj poŝtmarkoj destinitaj al poŝta uzado, tial oni povas ilin envicigi en propran kolekton, sed ne en teman ekspozaĵon (kiu estas nur parto de kolekto kaj devas esti preparita laú certaj reguloj). Male, se oni preparus specialigitan kolekton ekz. pri sovetuniaj poŝtmarkoj, oni plenrajte envicigus en la ekspozaĵon ankaú provpresojn: sed tema ekspozaĵo sekvas aliajn regulojn – ĝi devas antaú ĉio paroli pri temo kaj disvolvi ĝin, kaj tial estas konsilinde provpresojn lasi nur en la kolekto.

*Vana*

## Kongreseroj el la 63a UK

- poŝta marko (13 stotinkoj) pri la 63a UK (eldonkvanto?)
- poŝta UTK por la nova e-pm kun nigra speciala stampo
- poŝta koverto (2 stotinkoj) kun poŝta enpreso pri la 63a UK
- poŝta koverto (2 stotinkoj) kun poŝta enpreso pri IPTEA
- poŝta karto (1 stotinko) kun poŝta varba enpreso pri Esperanto
- poŝta stampo memoriga pri la 63a UK 29.7 ankaŭ en viola, poste nur en nigra
- poŝta memoriga stampo pri la 34a TEJO-kongreso en Tarnovo (Tirnovo) sur poŝta memoriga koverto.

*Kosieniak:* "Informoj pri la E-filatelaĵoj estis surloke nur sub grandegaj penoj haveblaj – Eldonitaj tutaĵoj estas poŝtaj, mi tion persone kontrolis en poŝta ministerio – La stampo de Varna estas apudstampo! Oficiale ĝi nur valoras, kiam normala datstampo de poŝtejo Varna C nuligas la pm! Mi vidis kelkajn personojn kun propraj inkokusenoj (verdaj, ruĝaj k.a.) stampi siajn kovertojn.

*D-ro Prodanescu:* "Mi vidis tutaĵon ankaŭ pri la TEJO-kongreso, sed en Varna oni ne povis ĝin ricevi. – Sro Ĝivoje el Jugoslavio ripete asertis ekziston de tutaĵo (poŝtkarto) kun enpresita nova e-pm! –"

*D-ro Brosche:* "La UTK-on de la nova E-pm oni vendis nur dum unu aŭ du horoj: post tiam ĝi estis elvendita. La kovertojn de Tarnovo stampitaj kun la speciala memoriga stampo oni nur sporade vendis en la kongreseja poŝto de Varna. La poŝta stampilo pendis por ĉies uzo je ŝnuro en la kongresa poŝtejo de Varna apud la inkokuseno – senĉese longa vico da interesuloj atendis por povi stampi."

*H. Tonkin:* "Filatelo kaj Esperanto havas la saman komunan mision: kunligi pacajn kontaktojn inter la homoj!" Tiujn vortojn li direktis al la ĉeestantoj de la malfermo de la filatela ekspozicio. La ekspozicion okazigis la pac-komitato de Varna kaj la loka filio de Bulgara Filatelista Asocio. Oni elmontris entute 18 ekspozaĵojn pri la temoj "maro" kaj "Esperanto" kaj ĉiuj ricevis krom ekspoziciaj medaloj ankaŭ premiojn kaj diplomojn de UEA. La ekspozicio okazis en la kongresejo.

## Nepoŝta mekanika E-stampo

Al mia kara amiko Marcel DELCOURT mi ŝuldas interesan dokumenton.

Temas pri koverto poŝtstampita en Havro (Le Havre) la 15an de septembro 1947. Antaŭ la enpoŝtigo la sendinto, Marcel BOSC, tiam delegito de UEA en Havro, eldoninto de multaj propagandaj poŝtkartoj kaj glumarkoj, aplikis, nedubeble permaŝine, "senfinan" stampon en Esperanto, kiu alvokas viziton al Havro grandparte detruita dum la lasta mondmilito. Oni rimarku ke la sendinto zorgis ke la stampaĵo ne tuŝu la pm. La prezento kaj la inko vere ŝajnas de poŝta origino. Ni tamen atentu ke temas nur pri privata kaj cetere ne trompcela aranĝo.

*Amouroux*

## Gdynia-aĵoj ne E-filatelaj?

Koncerne la diversajn poŝtaĵojn (reko-glm, administracia stampo kaj paketmarkoj) mia persona opinio estas ke ili estas tutcerte filatelaĵoj sed ne Esperanto-filatelaĵoj. Tia estas mia opinio sed tamen mi ĝojas ilin posedi. Sama afero estas pri la administraciaj stampoj pri kiuj mi notojn sendas al vi por "Fenikso". Kvankam ne de poŝta origino, en kelkaj kazoj kiujn mi citis, la stampo havas poŝtan signifon. Mi scivolemas pri la opinio de la legantoj.

*A.*

## Pri administraciaj stampoj:

En Perpignan, la "Departementa Direkcio de Laboro" (departementa fako de la "Ministerio de Laboro") iam situis sur strato Zamenhof. Sur la oficiala stampo de tiu institucio aperas la kompleta adreso – do ankaŭ la nomo de d-ro Zamenhof.

Kio ŝajnas al mi tre interesa estas ke tiu oficiala stampo, kelkfoje, havas plenan poŝtan signifon. Jen la necesaj klarigoj:

Tiu administracio uzas oficialajn kovertojn kun enpresitaj tekstoj:
- Republique Francaise (Franca Respubliko)
- "clos par nécessité" (necese fermi).

Tie, ĉiam, estas aplikata la stampo pri kiu mi parolas. La celo de la stampaĵo estas oficialigi la tutan koverton. Vid'al vide de la poŝto ni devas konsideri 2 kazojn:

1a kazo: la administracio afrankas la koverton.

2a kazo: ĝi estas por ni interesa ĉar la oficiala stampo kun i.a. indiko de "strato Zamenhof" havas komplementan signififon por la poŝto.

Kiam tiu administracio deziras pro kia ajn kialo pagigi la sendkostojn al la adresato, ĝi ne afrankas la koverton. Survoje la koverto estas tamen poŝtstampita. Estas la administracia stampo kiu oficialigas la rajton de la administracio tiel agi. Por altiri la atenton de la leterportisto la administracio aplikas unulinian stampon "taxe simple" (simpla takso) Tiamaniere je la livero la leterportisto scios ke li devos enkasi, post surgluo de "taksa marko" la sumon kiu egalas la prezon de simpla kaj ne de duobla poŝtfranko. Resume, en la kazo kiu interesas nin:
- la ronda stampo oficialigas la sendon kaj permesas ke la poŝto enkasu la simplan afrankon je la livero anstataŭ je la ekspedo. Tie kuŝas la poŝta – do ankaŭ la filatela – signifo de tiu ronda stampo.
- la unulinia stampo (TAXE SIMPLE) atentigas la leterportiston por ke li ne postulu duoblan (punan) sed nur simplan afrankon.

Mi tre dezirus koni vian opinion pri tiu afero. Ĉu la fakto ke aperas la nomo de Dro Zamenhof kiel stratnomo sufiĉas por ke ni konsideru la filatelaĵon de la 2a kazo kiel "esperantan"?

*Amouroux*

## Isigno IFEK

Kun ioma rideto mi ricevis nombron da novaj insignoj de IFEK: Internacia Fiŝhokista E-Klubo! Temas pri vere tre originala kaj bela E-insigno triangula, multekolora kaj el iu metalo. En la larĝa supro de la insigno granda fiŝo ridegas (verŝajne pri la fiŝhokistoj, kiuj klopodas kapti ĝin). Sub la fiŝo pozas orlitere IFEK, kaj sub tiu fiera nomo troviĝas la verda E-stelo. Ili kostis po paro (du diversaj) 8 ned. guldenojn. Interesuloj sin turnu al nia redaktoro. Entute ni havas nur 10 pecojn, tial nur "plej rapidaj" aĉetemuloj ĝin povas ricevi.

### Anoncoj

Kompletajn poŝtmark-seriojn deziras interŝanĝi nia membro: Hugo Foscolo, Rua Issias Correa 484, p.k. 10, 35774 Paraopeba, Minas Gerais, Brazilo.

D-ro Giso Brosche, DDR-7981 Rückersdorf deziras ricevi pm pri medicino sur afrankitaj kovertoj de Meksikio, Brazilo, Sudafriko, Boputhatswana k.a. transmaraj landoj. Rekompencas per esperantaĵoj.

### Atentu!

S-ro Ivar Paulsson kolektas nur E-poŝtmarkojn.

## Ni bonvenigas niajn novajn stampojn

**Portugalujo kun stampo!**
Tiu stampo havas mezuron de 24x24 kaj estis uzata la 17an de junio 1978 en la urbo Coimbra pro la okazigo de la 6a portugala E-renkonto. En la stampo ni vidas la konturon de la portugala lando kun la kvinpinta stelo en ĝi.
La originalon ni vidis en la manoj de Vana dum nia renkonto en la PRAGA 78.

**Nova brazila!**
"1a CONGRESSO LATINO AMERICANO DE ESPERANTO", temas pri apuda stampo en nigra koloro. En la mezo estas komplika figuro, ŝajne mano kun torĉo, kiu havas la kvinpintan stelon anstataŭ flamo kaj en la fono estas terglobo. Sendube ĝi estas poŝta pro la literoj ECT. (raportis s-ro Simon)
– ECT: "Empresa Brasileira de Correos e Telegrafos"

**Luksemburgo kun nova varbstampo?**
Nia amiko Amouroux trovis en la dana "Centra bulteno" nro 100 la sciigon, ke en Luksemburgo oni de tempo al tempo uzas dum kongresoj kaj kunvenoj varbstampilon, kiu montras terglobon kaj la tekston "Esperanto-Internacia Lingvo-Langue Internationale".

**Bulgaroj kontribuis 3 novajn al ni!**
La unuan ni trovas nur sur la oficiala UTK, kiu fulmrapide elĉerpiĝis en la kongresa poŝtejo. La duan ni povas renkonti nur sur tiuj kovertoj pri la TEJO-kongreso okazinta en Tarnovo. Menciinda tamen, ke en poŝtejo de Tarnovo ĝi ne estis. La tria stampo eble estos unu el la plej raraj, ĉar apenaŭ estas troveblaj legeblaj. Plej ofte iuj nigraj makulaĵoj anstataŭas tiun stampon. (Aŭ la bulgara poŝto tute ne stampis la sendaĵojn, enmetitajn en specialan poŝtan keston).

**Hungara Abaliget en nova vesto!**
Fine la Abaliget-a stampo havas novan veston: ĝi nun estas heksagona (sesangula) kaj bonege legebla. Gratulon al s-ino Pallos en Pecs, kiu ĝin prizorgis!

**Malta E-stampo**
Laŭ "esperanto" 1978 oktobro, jam en majo 78 la malta poŝto uzis varbstampilon "Esperanto". La prezentita reproduktaĵo aspektas kiel la stampoj de Varna: ne legebla!

**Nova ILEI-stampo?**
En la itala Gorizia de 19–27 aug 1978 okazis la 12a int. ILEI-konferenco. Povas esti, ke oni tie uzis ankaŭ stampon – bedaŭrinde mankas ĝis nun konkreta informo pri ĝi.

**Lastsekunda informo:**
La nova portugala stampo ekzistas nur sur entute 500 numerigitaj memorigaj kovertoj kaj estas haveblaj en nia stampobanko.

**Novaj sukcesoj en PRAGA 78**

| | |
|---|---|
| Vana | Medalo "Vermeil" = orumita |
| Bartoŝik | Medalo "Granda arĝenta" |
| Mager | Medalo bronca |

Ni gratulas!

**1a aldonaĵo por la stampokatalogo 1978**

## Novaj stampoj:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| BE | 15-1 | Liege | 1976 1.12–15.1.1977 | |
| | 15-2 | Verviers | 1976 15.12–1.7.1977 | |
| | | | 1977 15.12–15.1.1978 | |
| | | maŝinstampo | "Esperanto . . ." | 35x23 |
| BE | 16 | Borgerhout | 1978 7.4 | |
| | | stampo | "E-ekspozicio" | |
| BRA | 28 | Marilia | 1978 17–22.7 | |
| | | apudstampo | "Latinamerika E-kgr" | |
| BU | 8 | Sofia 1000 | 1978 13.7 | |
| | | memoriga ds | "63a UK" sur UTK | |
| | 9 | V. Tarnovo | 1978 22–29.7 | |
| | | memoriga nuliga stampo | "34a TEJO-kgr" | |
| | 10 | Varna C | 1978 29.7–5.8 | |
| | | apudstampo | "63a UK" viola kaj nigra | |
| FRA | 42-1 | Montpellier | 1976 feb–aprilo | |
| | | maŝinstampo | "Nacia E-kgr" | 45x24 |
| | 42-2 | La sama kun | "P.P." en la ds | |
| | 44-1 | C. Ferrand | 1978 13.3–15.5 | |
| | | maŝinstampo | "Kanzona E-Konkurso" | |
| | 44-2 | La sama kun | "P.P." en la ds | 49x20 |
| HU | 63 | Budapest | 1978 14–16.7 | |
| | | memoriga ds | "27a nacia E-kgr" | 33x33 |
| | 64 | Abaliget | 1978 17.7 (nur!) | |
| | | memoriga ds | "11a IREN" (heksagona) | |
| POR | 1 | Coimbra | 1978 17.6 | |
| | | memoriga ds | "6a portugala E-renk.) | |
| IT | | Montagnana 1978 | 13.5 | |
| | | memoriga ds | "Centenario E-o" | 40 |
| | | Roma 1978 | 15.5 | |
| | | memoriga ds | "30a IFEF-kgr" | 35 |
| | | Cesena 1978 | 4.9 | |
| | | memoriga ds | "49a nacia E-kgr" | 40 |
| JU | 24 | Prilep | 1976 13.5 | |
| | | memoriga ds | "20a nacia E-kgr" nur en verda | 32 |
| | 25 | Ohrid | 1977 23.4 | |
| | | memoriga ds | "E-societo Skopje" ekzistas verdaj k nigraj | 32 |
| LU | 2 | ? | 1978 4–9.9 (?) | |
| | | maŝinstampo | "Esperanto . . ." uzota ankau venontjare en IKUE-kgr | |

---

**Anoncoj**

S-ro A. Debertonne, 9 Rue du Vieux Versailles, F-78 000 Versailles, Francio: serĉas E-pm kaj pm pri la temo "sano" el la tuta mondo.

S-ro Pierre Lemarchand, 43 rue Desseaux, F-76 100 Rouen: kolektas ĉiujn esperantaĵojn.

S-ro Lech Kosieniak. Piekna 16 B m 9, PL-00 539 Warszawa: kolektas ĉiujn esperantaĵojn.

S-ro Zygmunt Linke, ul. Wojska Polskiego 7/3, PL 75 700 Koszalin: kolektas filatelaĵojn pri Esperanto, Kristnasko, pentraĵoj kaj "polonica".

S-ro Vlastimil Koĉvara, Ant. Sovy 10, CS-74 705 Opava: kolektas ĉiujn esperantaĵojn.

## Bonvolu korekti k aldoni:

AU 1: apudstampo (as) ĉu sur koverto ekzistas?
AU 4: nova: AU 4-1 (29.8.47)
AU 4-2 (16–19.10) = div. dat-aranĝoj!
BRA 1-2: tempo:aprilo–decembro
(Kiu havas 1-1 kaj 1-3 = ĉu samaj au div.?)
BRA 18 k 19: as
BRA 20: la sta montras kapon de Z k tekston "Centjaro de Zamenhof"
BE 6: 1-2.6 poŝte anoncita. Kiu havas de 3.6?
BE 7: ms
BE 8: 10–11.5 poŝte anoncita. Kiu havas aliajn?
BU piednoto: "BU 6 kaj BU 9"
CSCR piednoto: sta de Podebrady nur en nigra estas poŝtaj. Aliaj koloroj neoficialaj!
FRA 2: 30.7–6.8
FRA piednoto: "ARR" anstataŭ "ARN"
FI 1: 8–15.8
IT 2: Ekzistas viola sen pm kun dato 4.9 kiu scias pri ĝi? (Simon posedas)
IT 4: nova: 4-1 (jardato 951)
4-2 (jardato 51) = div. dat-aranĝoj!
IT 11: nova: 11-1 (jardato 957)
11-2 (jardato 1957) = div. dataranĝoj!
IT 12: nova 12-1 (jardato 58 – ruĝa)
12-2 (jardato 1958 – nigra)
12-3 (jardato 1958 – viola)
12-2 kaj 12-3 kun div. dat-aranĝoj
SVI 5-2: klarigo: sen urbonomo en la tp)
SVE 1: 15–22.8 kataloga prezo: 300.– skr)
SVE 2: 4–11.8 (kataloga prezo: 50.– skr)
SVE 3: 3–11.8 (kataloga prezo: 50.– skr)
PO 117: nur 18.8

En la pm-listo, kiu havas provizoran karakteron, kaj ne volas esti "katalogo" (Katalogo pri E-pm aperis antaŭ jaroj en nia klubo-sed ne plu havebla), en tiu listo bonvolu korekti k aldoni:

N-ro 26: 1,20 anstataŭ 1,50
27: 20+10 anstataŭ 20+20
51: aldonu "pk"
52: havas mezan talonon en E en la kvarfolio
54: Nova pm
Bulgario, 1978, 13 stotinkoj, 63a UK (kun poŝta UTK)

## Pri "apudstampoj" (as) skribas Simon:

Ekzistas du diversaj kategorioj. En la unua kazo la pm estas nuligita per ordinara poŝtstampo kaj la as estas aldonita apude. (Ekz. svisaj 4–6). En la dua kazo ĝi estas stampita sur la pm kaj la ordinara sta estas apude. (Ekz. la nederlandaj k brazilaj!) = Se ili troviĝas sur koverto sen la apuda ordinara stampo, oni devas konsideri ilin komplezaj stampoj, kiuj ne vojaĝis poŝte! Precipe inter la brazilaj stampoj la katalogo ne klarigas, kion "as" signifas. Multaj, ekz. 18 k 19 estis stampitaj sur la pm, sed bezonis duan apudan ordinaran poŝtstampon!

Redaktora kompletigo: Kian karakteron havas la nova BU 9 kaj BU 6?
BU 10, kvankam as, troviĝas sur pm, apúd pm, (aú tute ne) kaj vojaĝis amase poŝte sen la dua ordinara datstampo de Varna C, kiu oficiale estus necesa. Tial por BU ne povas validi supraj vortoj au tamen?

*Burmeister*

## Karaj klubaj geamikoj!

Ni trovis sube cititajn preserarojn, kiujn vi bv. korekti. Kelkaj niaj geamikoj post la eldono sendis informojn pri novaj ekkonoj pri malnovaj stampoj, ankaŭ tiujn sube mi vicigos. Mi tre ĝojas, ke tiuj informoj venis, kaj esperas, ke ankaŭ estonte vi ĉiuj kunhelpos, plibonigi kaj pli detaligi nian katalogon. Antaŭ ĉio ni devas plibonigi la informojn pri uzitaj datoj, ĉar ofte stampilo estis uzata nur dum unu au du tagoj, anstataŭ dum tuta kongreso au s. okazintaĵo.
Kore ni dankas al niaj geamikoj s-ino Strönne, al Stifter, Simon kaj Amouroux!

*La redaktoro*

## Interesa informo pri E-glumarkoj:

En marto de tiu ĉi jaro la glumarkkolekto de Rampacher estis vendita per aŭkcio kaj ĝi enhavis multajn E-glumarkojn. Berlina poŝtmarkvendisto nun ofertas kolekton de 1800 diversaj E-glm (verŝajne la Rampacher-materialo) el la jaroj de 1900–1949 je prezo de 1950.– gmk (GFR).

*Simon*

## Estimataj,

fine de 1979 ni denove aperigos suplementan folion kun novaj stampoj, korektoj ktp. kiel "aldonaĵo" de nia informilo.




---

**Anonco:**

La memorigajn esperantaĵojn pri la 1a Latinamerika E-kongreso vi povas havigi al vi pere de la suba adreso.

1. Memoriga koverto, afrankita per Zamenhof-pm kaj stampita per la memoriga stampo: 1 peco = 1 us dolaro
2. 5 diversaj kolor-fotoj sur Kodak-papero, memorigaj pri la kongreso, kun dorsflanka kongresa stampo (sen pm) kostas 10 us dolarojn.

Se vi mendas 5 kovertojn, vi ricevos senpage sesan ekz. Se vi mendas 10 kolorfotojn, vi ricevos senpage specialan eldonon de "BRAZILA KRONIKO" pri la kongreso kaj senpage 1 koloran foton.

Wilson Ferreira Martins, Caixa Postal, 556, 17.500 - Marilia - SP - Brazilo

Banko: BRADESCO (Agencia de Marilia, SP) Conta Nr 24.880, 17.500 - Marilia - SP - Brazilo

**Prezidanto de la ELF-AREK-Klubo:**
Ivar Paulsson, S-171 33 Solna, Algatan 3
Al li sendu la kotizon 15 IRK. Poŝtkonto 51 57 85-4

**Redaktoro de la kluba informilo:**
Rudolf Burmeister, DDR 9033 Karl-Marx-Stadt, pk 95-39

Al li sendu informojn pri novaj kaj malnovaj ĉiuspecaj E-filatelaĵoj kaj E-glumarkoj, demandojn, proponojn, kritikojn kaj laudojn.

---













AU 4-1




AU 4-2